# PENSEO

N-ro 255

jan. / 2013

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 24-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Anteo (Ĉinujo)



### ĉio eblas

aŭto trapasas tunelon virgan.
la ŝtonplena monto estas pli mola ol akvo.
infanoj nekonataj svarmas en la vilaĝeto,
kie mi naskiĝis antaŭ kvindek jaroj.
la gekunuloj de la infaneco restas junaj kiel
  miaj idoj;
la tempo tie estas verda.
knabineto sin ekĵetas kvazaŭ amatino
sur mian bruston ardan pro impulso
kaj ŝia kolo min sufokas.
mia edzino gapas al ni,
kun mieno tondre trafita.
la knabineto estas ja ŝia filino,
kiun sed ne mi naskigis.
ĉe sunsubiro mi fotas patrinojn
kun sia bebo suĉanta mamojn.
matenruĝo kaj bovaro
sin trudas en la scenon varman.
mia patrino dudek jarojn pli juna ol mi
iras al mi, subtenante mian patron jam
  centjaran.
kio misordigis la generaciojn?
la homaro nun naskiĝas malvirga kaj trompa.



## Leieladonna (Meksikio)



### El malproksime

Mi ne havas bluajn okulojn...
neĝan haŭton...
sed brunan haŭton
kaj samkolorajn okulojn...
sed ne gravas; kara mia,
ne gravas miaj okuloj;
ili estu kaf-koloraj
oni devas, eble;
ke ĉiame trarigardis
la brunajn montojn
serĉante vin...
do; ne gravas por vi...

la koloro de miaj okuloj...

sed gravas por vi kio ili vidas:
Vi... kara mia...

Mi ne havas neĝan haŭton,
mi estas brunhaŭta,
sed vidu la koloron de mia animo,
ĝi ne estas tiel bruna...

Eble...

mi ne havas kristalan rideton...

sed...

mi ridetos pro kaj por vi...
Ni kuniĝos feliĉaj,

blanka kaj bruna haŭtoj,
bluaj kaj kafkoloraj okuloj,
nia kuna rideto forigos la solecon.

El pado dum nokto...
amato; mi alvenos en revoj,
mi amos vin, mi restos ĉe vi.
karulo el mia koro;
amato suno; mi revas...
plenumi tiun sonĝon,
por atingi vin...
baldaŭ, en sonĝo,
dezirema kaj sopira...

Suprenrigardante,
kuŝanta sur mia lito mi ridetas...
kaj imagas belan revon...
mense mi vidas viajn bluajn okulojn,
vian belan rideton,
vian blankan haŭton...



## Helena Tylipska (Italujo)



### Hajko por la festoj

Bril' de l' abio
lumplenigas la ĉambron;
ja , for—glacio.

Senhejma la ul'
streĉita pro malvarmo
vagas sen plezur'

La ĉifon-vesto
kovras magran figuron:
ĝin fest' forestos.

Eble teleron
de sup' iu donacos
en ĉi vespero.

Lum' de kandelo
ŝtelita en preĝejo,
donos hel-eron.



## Paŭlo Silas (Brazilo)



### Ĉu atingi perfektecon per perfido?

Judasa malnova manovro.
Kontraŭa militofront' estas.
Perfidas per kis' filozofo.
Denove la temp' en mond' eta.

La sinpendiginto per lang' aŭ
Per filozofioj sufokaj.
Preleg' 30-foje nun ankaŭ
Sin trompas per tonoj allogaj.

Li ĵuras, ke konas neniun,
Se kokokriado lin trafas.
Mi sonĝis. Vi apelaciu.

Sed kulpon de Pilat' ellavas
La sang' propravole verŝita.
El ĉiuj, nenio laŭdinda.



## Siv Burell (Svedio)



### La tempo

Tago malaperas
jaro foriras
tasko estas finfarita
pliaj restas.

Pensu pli longe ol por la tago
havu grandajn perspektivojn!

Se ne sufiĉas la tempo
pensu ke troviĝas multaj vivoj.

## Petro Palivoda (Ukrainio)

### ili estas simple floroj

kaj tiel malperfektaj
ili ne scipovas ion fari
nur donaci ĝojon
ili bezonas milionojn da jaroj
por trapasi ŝtupojn de evolucio
penatingi pintojn de perfekto
trompi perfidi kaj murdi
al si similajn
do iĝi homoj

### Poezio

trovi tiujn unikajn vortojn
por ke ili bruligu fajron
al devojiĝintoj
kaj invitu ĉe tablon
mortantajn pro malsato
kaj ĉiuj aliaj vortoj
estas simple susuro
de truhava tamburo
fajfeganta pro vento
***
belega estas vivo
premiĝos koro
pro doloro
malvarma vento
blovestingas revojn
fariĝos por eterne
nokt' malluma
finbrulas suno
kaj kandelo
ridetas vi
belega estas vivo

### Maro

mi staris ĉe maro kaj pensis
ke ĝi estas viva estaĵo
ke ni ĉiuj venis el maro
ke nia ekzisto finiĝos
sed maro ja estis kaj estos
senmorta simile al amo
mi nomon amatan
gravuris sursable
ne povis ĝin ondoj forlavi
kaj falis steleroj en maro



## Dimitrije Janicic (Serbujo)



### Larmo de junulino

*En proksimeco de Lukovska Banloko, sur krutaĵoj de Kopaonik (Serbio) ekzistas fonto el kiu fluadas nur guto po guto de akvo, kiel larmoj. Sciencistoj racie klarigis ĉi tiujn okazaĵojn, sed popola legendo estas pli bela – legendo pri eterna amo.*

*1*

*Ho, junulino*
*de nekonata deveno,*
*el profundo de tempo,*

*el malhelo de jarcentoj,*
*el perdita pasinteco,*
*junulino – mesaĝo,*
*monumento*
*por eterna amo*

## TEMPO DE FABELOJ

Estis tempo de fabeloj,
tempo de reĝoj,
niaj prapatrinoj
trikapaj drakoj
dum tero maturiĝas,
dum gigantoj
kurpelis feinojn
kaj ili fuĝadis
kriante
tra Kopaoniko.
Vivon akompanis
magio kiel scienco,
mirakloj estis
realo.
kaj tempo de fabeloj
vereco.

2

## JUNULINO MILICA

Estis la junulino,
bela kiel ĝojo,
belega paŝtistino:
haŭton bronzkoloran
donis al ŝi montara suno,
lavis ŝin varmaj fontoj,
zorgis pri ŝi pura naturo
el tempo de fabeloj.
Junulino – timema kapreolo,
de harmonia paŝo,
arda rigardo,
okuloj nigraj,
kiuj aŭroron malfermas,
koron varmiĝas,
racion detruas,
kun voĉo kies beleco
derompis pepadon de birdoj,
hurlon de bestaro,
unuiĝinta kun naturo
inter abioj, en fagejoj,
lavis vizaĝon per varmego
de sennombraj fontoj
kiujn tero donis al ŝi,
per akvo kiu likvigis neĝon,
klarigadis okulojn
kuracadis ostojn.
Estis la junulino
en tempo de fabeloj
bela kiel fabelo.

3

## DEZIRO

Amo ne doniĝas
kaj ne preniĝas,
ĝi nur deziras
realiĝi,
ĝi sufiĉas
al si sola.

Deziro, freneza deziro.
pli varma ol subtero varmega,
pli forta ol tempestoj aŭtunaj
kaj ventegoj vintraj,
pli freneza ol ludoj de kapreoloj,
pli bela ol montaraj aŭroroj,
kreskadis,
ŝvelis,
postuladis,
petadis,
rompantis.

(daŭrigota)



## Cezar (Germanujo)



**Ek! La kristnaskarbon for!**

Ekhurligu la sirenojn,
knalu, kraku, kun furor'!
Mi sopiras novajn scenojn.
Kristnaskarboj estu for!

Estu for la arbokliŝoj:
Arĝentstrioj, kugloj, lum'!
For la pingloj de l' tapiŝoj,
for la piramid' kun fum'!

Finon al kviet', manĝemo!
La sobrec' - jen vera fest'!
La botelojn for de l' hejmo -
kristnaskfesto estas pest'.

Kaj neniam plu mi diru:
Venu, ho, Jesuĉjo, min.
Mi prefere morten iru
ol al buĉfest' kun inklin'.
Mi ne preĝu plu kun petoj
al la Sankta Virgulin'.
Ĉe l' eksplodoj de l' raketoj
sentis mi - vent' turnis sin!

Mi neniam plu ekrevu!
Malutilis la fervor'.
Mi ribelu kaj min levu:
Ek! La kristnaskarbon for!



## Yi Zhao (Ĉinujo)

# Ho kajto, mia kajto

*al s-ro Josip Pleadin*

ho, kien vi flugas kajto
al kiu blanka nubo
al kiu mistera celo
ho kajto, mia kajto

kie liber' senŝnura
senbrida flugorajto
por via valsbalanco
en puŝa ventoza pel'
ĉu vi nun audas
pri la flugpaŝ-son'
kun printempa venteto
ho kajto,mia kajto

tra la ĉiela Kroatio
per forta magia
venas kuraĝo
ho, kajto mia kajto

ho kajto,mia kajto
tra la montsupero
tra la marpentraĵo
flugu, flugu al Ĉinio

ho kajto,mia kajto
ĉitie estas milda vento
kaj varma suno
flugu, flugu al Ĉinio

flugu, flugu al Ĉinio
ho kajto, mia kajto
per mia junkoro
por via sukceso...



## Mo Yan (1955—)

# La virino

Mia pliaĝa frato alportis per mulo hejmen morna-mienan junan virinon, kies du brovoj preskaŭ linie kunligiĝis super ŝiaj peĉnigraj okuloj. Li diris al mi: "Fraĉjo, la virino estas nia komuna edzino. La bebo, kiun ŝi naskos, estos nia komuna infano."

Tiam mi aĝis nur 16 jarojn. Je ekvido de virino, mia vizaĝo tuj ruĝiĝis pro hontemo. Mia frato iris kolekti brullignojn en la monto,

lasante min kaj ŝin ambaŭ resti en la hejmo. Ŝi ellernigis al mi kiel kuŝi kun ŝi en la lito, el kio mi sciiĝis, ke kuŝado kun virino estas la plej bela afero en la mondo. Ekde tiam, mi konsideris ŝin kiel mian karulinon en la koro, kaj diris al ŝi ĉion, kion mi volis diri. Mi serioze aŭskultis ĉion, kion ŝi diris al mi, kaj neniam malŝatis ŝian babilemon, rigardante ŝiajn okulojn kaj karesante ŝiajn manojn. Poste, mia frato estis mordemortigita de lupo, kaj ŝi fariĝis mia propra virino. En la tria tago post la morto de la frato, mi volis kuŝi kun ŝi, ŝi diris, ke ni ne povas fari tion. Sed en la kvara nokto, kiam la luno leviĝis, karesante mian manon en mallumo, ŝi diris: "Ni faru tion.” Mi demandis ŝin: "Vi diris, ke ni ne povas fari tion, ĉu ne?" Ŝi diris: "Hieraŭ ni ne povis, sed hodiaŭ ni povas."

**Mo Yan: Ĉina Nobel-premiito por literaturo 2012.*

*elĉinigis*



**Zhang Xuesong (Ĉinujo)**

## Alain Souchon (1944—)



# Vidi sub jupoj

Retin' kaj pupil'
El l'knabaj okuloj 'stas bril'
Por insida lud'
Vidi l'jupojn de sub,
Kaj l'viva plena, tut-
Sorbita de ĉi afer',
De l'insida lud':
Vidi l'jupojn de sub.
Ili, fier',
Alt' sur ŝtuparet', aer',
Malestima rigard', lasas al l'vento far',
Ili, en dolĉ'
Pri l'vira malfort', scias ja
Ĉio, kio turniĝas sur ter',
'Stas la robaj leĝer'.

Multaj per klopod',
Per kliniĝ, streb,' kolotord',
vid' : jen l'misfortun'
de vivo aĉ ! la resum'
Vid' : l'tuta fier',
Militoj, funebroj kun.
La morto, la bel',
Kantoj de somer',
La rev'.

Se foje ĝenitaj ili rifuzas
Rigardojn sur gambojn, knaboj frenezas
Pro ĝi.
Tiam endas falig'
Virojn, ĉasbestojn, bier-
- Ojn, soldatojn, ki-
- U ajn cervon, movan,
Trikolera fanfar'
Ruĝvino kaj verdrabi',
Honoron de l'armil'
Vi estos vir' mia fil'.

Ili, malfier',
Alt' sur ŝtuparet', aer',
Petega rigard', ne komprenanta pri l'tut',
Ili, serioz'
Pri l'vira malfort', scias ja
Ĉio kio turniĝas sur ter'
'Stas la robaj leĝer'. Retin' kaj pupil'
El l'knabaj okuloj 'stas bril'
Por insida lud'
Vidi l'jupojn de sub,
Kaj l'viva plena, tut' – plena tut' -
Sorbita de ĉi afer'
De l'insida lud'
Vidi l'jupojn de sub.
La, la, la, la, la...

*esperantigis*



**Roland Platteau (Francio)**

*9-22/8/2012*

# Ĉineske

## Vejdo (Ĉinujo)



### Novjara preĝo

—laŭ ĉinesko Pusaman*

longe daŭras milito
kun paca hipokrito
de Afganio
nun ĝis Sirio

suferis homoj
brulfalis domoj
ĉu tiu plago
ĉesu sen gago?

suferojn travivis jam
ni de tertremo, cunam'
erupta vulkan'
kaj ŝtorm-uragan'

okazis morto
fuŝa malordo
ĉu alvenu pac'
sur ĉi tera spac'?

homojn falĉas la malsat'
beboj krias kiel rat'
senhelpas viroj
zumas suspiroj

kia trista scen'
nesavebla ĝen'
ĉu bonos veter'
frukt-donos la ter'?

ĉie epidemio
frenezas kun manio
vere senbride
murdas inside

kvazaŭ insekte
rodas difekte
ĉu estu l' ide'
pri la panace'?

**Pusaman (Budhista dancisto): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po 4 versoj de 7,7;5,5; / 5,5;5,5 silaboj kun para rimo*

### Al foraj amikoj

omaĝe al 30-jariĝo de GEA

—laŭ ĉinesko Manjianghong*

por nia cel'
amikoj
en la foro
vi faris
jam multege
da laboro
dum plenaj tridek jaroj
marŝas kiel motoro
antaŭen
senlace kaj sen
langvoro

jen viaj
fervoro
obstino
esploro
spronas nin plue
ja en ĥoro
konstrui verdan rondon
kun persistema koro
cele al
egala mondo
en gloro



**Manjianghong: (Rivero Plenruĝa): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po 11 versoj de 434, 344, 77,*

*353 / 33,33,54,77,353 silaboj respektive, laŭ rimaranĝo xxa,xxa,xa,xxa / xa,xa,xa,xa,xxa (x = senrima)*

## Niuniu (Ĉinujo)

### Vintra vento

—laŭ ĉinesko Dekses-Silabo*

vent'
mordadas en ĉi moment'
paŝantojn
kiel frid-serpent'

ĝi
ululas de histeri'
tra stratojn
falĉas kun mani'

frid'
alportiĝas en rapid'
pikadon
obsedas sen brid'

dom'
skuiĝas kiel fantom'
knarsone
de blovanta gnom'

jam
formortis ardanta am'
solecas
li jen sen balzam'

pens'
vagas en venta intens'
vanege
pro rigora sens'

al
printempa sentimantal'
sopiras
li kun kora pal'

**Dekses-Silabo: ĉina fiksforma poemo el kvar versoj de 1, 7, 35 silaboj, laŭ rimaranĝo a,a,xa (x=senrima)*

### Sento en vintro

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

mia sent'
glacie frida
miksiĝas kun ĉagreno
tikla emo senbrida
varmo-avida

la pluvo
malsekigas min
de kapo ĝis piedoj
jame sen ajna sangvin'
nur kun kor-ruin'

tremetas
eĉ mia koro
en furioza vento
pro malvarma rigoro
pro vipa roro

dumnokte
malvarma fluo
penetras en medolon
kaj mordetas sen bruo
ĝis nokt-malfruo

rompiĝas
mia pensfadeno
en ĉi frosta vetero
revoj mortas en sveno
cerb' en malpleno

**Sopir-al-sudo: ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x=senrima).*

## Sero (Ĉinujo)

### Noa arkeo nenecesas

—laŭ ĉinesko Yexingchuan*

ne venis la lasta tag'
finfine

pensoj en vag'
kvietiĝas
senribele
ĉu decas sava ag'?

ne estos fatala plag'
al la mond'
tio 'stas blag'
vekiĝu vi
stultaj homoj
el koŝmara imag'



*Yexingchuan (Nokta ŝipvojaĝo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun ses versoj de 7,34,446 silaboj, laŭ rimarangô a,xa,xxa (x = senrima)*

## Maupassant (1850-1893)






Tio okazis al li, iun dimanĉon, post la meso. Li eliris de la preĝejo, kaj sekvis la kavan vojon, kiu rekondukis lin hejmen, kiam li sin trovis malantaŭ la Martena, kiu revenis hejmen.

La patro marŝis flanke de sia filino, per grava paŝo de riĉa farmisto. Disdegnante la kitelon, li surmetis specon de virjako el griza drapo, kaj li estis kapvestita per bulĉapelo kun larĝaj randoj.

Ŝi, kunpremita en korseto, kiun ŝi laĉis nur unufoje ĉiusemajne, rekte piediris, kun la talio streĉita, la ŝultroj larĝaj, la koksoj elstaraj, anaspaŝadante iomete.

Kapvestita per florĉapelo konfekciita de ĉapelistino de Yvetot [***Iveto***], ŝi komplete vidigis sian rondan, flekseblan, fortan nukon, kie ŝiaj malgrandaj lanugaj haroj flirtis, brunbruligitaj de la plena aero kaj la suno.

Benedikto, li vidis nur ŝian dorson; sed li bone konis ŝian vizaĝon, kvankam tamen li neniam vere rimarkis ĝin.

Kaj subite, li sin diris: "Ha vere! tamen kia bela knabino, la Martena." Li rigardis ŝin iri, admirante subite ŝin, sentante sin ekkaptita de deziro. Li ne bezonis revidi ŝian vizaĝon, ne!... Li konservis sian rigardon fiksata sur ŝia talio, ripetante al si, kiel se li parolus: "Ha vere! kia bela knabino."

La Martena dekstren turnis por eniri en "la Martenejon", la farmobienon de sia patro, Johano Marteno; kaj ŝi turnis sin posten ekrigardante malantaŭ ŝi. Ŝi ekvidis Benedikton, kiu ŝajnis al ŝi tute stranga. Ŝi kriis: "Saluton, Benedikto". Li respondis: "Saluton, la Martena, saluton, mastro Marteno", kaj li preterpasis.

Kiam li reeniris hejmen, la supo estis sur la tablo. Li sidiĝis vidalvide al sia patrino, flanke de la bienservisto kaj la braklaboristo, dum la servistino iris eltiri la cidron.

Li manĝis kelkajn kulerojn da supo, kaj forpuŝis sian teleron. La patrino demandis:

– Ĉu estas, ke vi estus malsaneta?

Li respondis:

– Ne, estas kiel iu kaĉo, kiun mi havus en la ventro, kaj kiu forigus la malsaton al mi.

Li rigardis manĝi la aliajn, tranĉante de tempo al tempo pecon da pano, kiun li malrapide alportis al siaj lipoj, kaj longe maĉis. Li pensis pri la Martena: "Tamen, kia bela knabino." Kaj diri, ke li ne rimarkis tion ĝis nun, kaj tio alvenis al li tiel, neatendite, kaj tiom intensa, ke li ne plu manĝis.

Li apenaŭ tuŝis la raguon. Lia patrino diris:

– Nu! Benedikto, vi klopodu iomete; estas de la ripo de safo, tio bonefikos al via sano. Kiam oni ne apetitas, necesas fari strabadojn.

Li englutis ajnan pecon, kaj denove forpuŝis sian teleron: — ne, konstateble, tio tute ne pasis.

Posttagmeze, li iris promenadi sur la terojn, kaj forpermesis la braklaboriston, promesante deloki la bestojn dum li trapasos.

La kamparo estis vaka, pro la ripoztago. De loko al loko, en trifoliokampo, peze kuŝantaj bovinoj, kun la ventro sterniĝanta, remaĉis sub la granda suno. Maljungitaj plugiloj atendis ĉe la angulo de plugita kampo; kaj la ŝpatitaj grundoj, pretaj por la semado, disvolvis siajn larĝajn brunajn kvadratojn meze de flavaj terpecoj, kie putris la mallongaj piedoj de la tritikoj kaj la avenoj falĉitaj de nelonge.

Aŭtona vento, iom seka, balais la ebenaĵon, anoncante malvarmetan vesperon post la sunsubiro. Benedikto sidiĝis sur fosaĵon, demetis sian ĉapelon sur siajn genuojn, kiel se li bezonus konservi plenaere la kapon, kaj li laŭte prononcis, en la silento de la kamparo: "Por esti bela knabino, ŝi estas bela knabino."

Dum la vespero, en sia lito, li ankoraŭ pensis pri tio, kaj ankaŭ vekiĝante la postan tagon.

Li ne estis malgaja, li ne estis malkontenta; li ne scius diri tion, kion li havis. Tio estis sento, kiu kaptis lin, io alkroĉita en lia animo, ideo kiu ne foriris, kaj faris al lia koro specon de tiklado. Iafoje dika muŝo troviĝas enfermita en ĉambro. Ni aŭdas ĝin zumante flugi, kaj tiu bruo obsedas nin, incitas nin. Subite ĝi haltas; ni forgesis ĝin; sed subite ĝi reflugas, devigante nin restarigi la kapon. Ni povas nek ekkapti ĝin, nek forpeli ĝin, nek mortigi ĝin, nek malebligi, ke ĝi moviĝu. Apenaŭ sidinta, ĝi denove rezumas.

Nu la memoro de la Martena agitiĝis en la spirito de Benedikto, kiel malliberigita muŝo.

Poste deziro revidi ŝin ekkaptis lin, kaj li plurfoje preterpasis antaŭ la Martenejo. Fine li ekvidis ŝin etendante tolaĵojn sur ŝnuro, fiksita inter du pomarboj.

Estis varme; ŝi surmetadis nur mallongan jupon, kaj ŝia nura ĉemizo bone desegnis la arkecon de ŝiaj lumboj, kiam ŝi levis la brakojn por alkroĉi la tukojn.

Li restis kaŭriĝanta kontraŭ la fosaĵo dum pli da unu horo, eĉ post kiam ŝi estis foririnta. Li revenis ankoraŭ pli obsedita ol antaŭe.

Dum unu monato, li havis la spiriton plenigitan de ŝi, li ektremis kiam oni nomis ŝin antaŭ li. Li ne plu manĝis, ĉiunokte ŝvitadoj malebligis lin dormi.

Dimanĉe, dum la meso, li senĉese rigardis al ŝi. Ŝi rimarkis tion, kaj ŝi ridetis al li, pro ke ŝi estis flatata esti tiel estimata.

Nu, iun vesperon, subite, en vojo li renkontiĝis kun ŝi. Vidante lin alveni, ŝi haltis. Tiam li rekte piediris al ŝi, sufokata pro timo kaj emociego, sed ankaŭ rezoluta paroli al ŝi. Balbutante, li ekparolis:

− Vi vidas, la Martena, tio ne plu povas daŭrigi tiel.

Ŝi respondis, kiel ŝi spitis lin:

− Kio estas, tio kio ne plu povas daŭrigi, Benedikto?

Li reparolis:

− Ke mi pensas pri vi, tiom kiom estas horoj en la tago.

Metante siajn pugnojn sur siajn koksojn, ŝi replikis:

− Ne estas mi, kiu trudas vin.

Li balbutis:

− Ja, estas vi; mi havas plu nek dormadon, nek ripozon, nek malsaton, nek ion.

Ŝi tre mallaŭte prononcis:

− Tiam, kio necesas al vi por resanigi vin?

Li restis skuata, kun la brakoj pendantaj, la okuloj rondaj, la buŝo malfermita.

Ŝi frapis lin per granda manbato sur la stomakon, kaj forkuris.

De antaŭ tiu tago, ili renkontiĝis laŭlonge de la fosaĵoj, en la kavaj vojoj, aŭ noktiĝante, ĉe la rando de kampo, dum li hejmen revenis kun siaj ĉevaloj, kaj ŝi rekondukis enstalen siajn bovinojn.

Li sentis sin forportata, ĵetata al ŝi per granda impeto de sia koro kaj sia korpo. Li estus volanta brakumi ŝin, sufokpremi ŝin, manĝi ŝin, enirigi ŝin en sin. Kaj li tremetis pro impotenteco, malpacienco, pasiego, pro ke ŝi ne estis komplete al li, kvazaŭ ili farus nur unu solan estaĵon.

Pro tio, oni klaĉis en la lando. Oni eĉ diris, ke ili estis gefianĉoj. Cetere li jam demandis al ŝi, ĉu ŝi volis esti sia edzino, kaj ŝi estis respondinta: "Jes."

Ili atendis favoran okazon por paroli pri tio al siaj gepatroj.

Nu, abrupte, ŝi ne plu venis al la kutimaj renkontoj. Li eĉ ne ekvidis ŝin, kiam li spionvagis ĉirkaŭ la farmbieno. Li povis nur duonvidis ŝin, dimanĉe, dum la meso. Kaj ĝuste, iun dimanĉon, post la prediko, de supre la katedro, la parokestro anoncis, ke estis edziĝopromeso inter Viktoria-Adelaida Marteno kaj Jozefo-Izidoro Valeno.

Benedikto sentis strangaĵon en siaj manoj, kiel se tie oni eltirus lian sangon. Liaj oreloj zumis; nenion li plu aŭdis, kaj li rimarkis, post momenteto, ke li ploris en sia meslibro.

Dum unu monato li restadis en sia dormoĉambro. Poste li denove relaboris.

Sed li ne estis resaniĝinta, kaj li ĉiam pensis pri tio. Li evitis trapasi la vojojn, kiuj ĉirkaŭiris ŝian loĝejon, por ke li ne ekvidu eĉ la arbojn de la korto, tio kio devigis lin fari, matene kaj vespere, grandan ĉirkaŭiron.

Nun ŝi estis edziniĝanta kun Valeno, la pli riĉa farmisto de la kantono. Benedikto kaj li ne plu parolis sin reciproke, kvankam ili estis kamaradoj de antaŭ la infaneco.

Nu, iun vesperon, dum Benedikto pasis antaŭ la urbodomo, li eksciis, ke ŝi estis graveda. Anstataŭ senti pri tio grandan doloron, li kontraŭe sentis kiel specon de mildigo. Tio estis finiĝinta, nun, ja finiĝinta. Ili estis plu disiĝitaj nur per la geedziĝo. Sed vere, li pli preferis tion.

Monatoj pasis, ankoraŭ monatoj. Iafoje li ekvidis ŝin, kiam ŝi iris al la vilaĝo per sia pezigata paŝado. Kiam ŝi vidis lin, ŝi ruĝiĝis, rigardis al la tero, kaj plirapidigis la paŝon. Kaj li deturniĝis de sia vojo, por ne renkontpasi ŝin, kaj trafi ŝian rigardon.

Sed kun teruro, li pensis, ke iun matenon li trovoĝos vidalvide kun ŝi, kaj estos ja devigata paroli kun ŝi. Tiam, kion li diros al ŝi, post ĉion, tion kion li diris al ŝi, antaŭe, tenante ŝiajn manojn, kaj kisante ŝiajn harojn apud la vangoj? Ofte li ankoraŭ pensis pri iliaj rendevuoj laŭlonge de la fosaĵoj. Estis malbela, tio kion ŝi faris, post tiom da promesoj.

Tamen, iom post iom, la aflikto forlasis sian koron; nun restis en ĝi nur la malgajeco. Kaj, iun tagon, unuafoje, li reuzis sian malnovan vojon, kiu laŭiras la farmodomon kie ŝi loĝas. De malproksime li rigardis la domtegmenton. Estis ĉi-ene! Ĉi-ene, ke ŝi vivis kun alia! La pomarboj estis florantaj, la virkokoj kantis sur la sterko. La tuta loĝejo ŝajnis vaka, ĉiuj estis en la kampoj okupiĝante de la printempaj laboroj. Li haltis apud la barilo, kaj rigardis en la korton. La hundo dormis antaŭ sia hundodometo, tri bovidoj per malrapida paŝo anservice iris al la marĉeto. Dika maleagro pavis antaŭ la pordo, paradante antaŭ la kokinoj kun manieroj de kantisto sur scenejo.

Benedikto apogis sin kontraŭ piliero, kaj subite li sentis sin denove ekkaptita de ega emo plori. Sed, neatendite, li aŭdis krion, alvokan kriegon, kiu eligis el la domo. Li restis konfuza, kun la manoj kuntiriĝantaj sur la balustradeto el ligno, ĉiam aŭskultante. Alia krio, daŭranta, korŝira, enigis en liajn orelojn, en lian animon kaj en lian karnon. Estis ŝi, kiu kriis tiamaniere! Li impetis, trapasis la

herbejon, puŝis la pordon, kaj li vidis ŝin, ŝi estis kuŝanta surplanke, kuntiriĝanta, kun la vizaĝo livida, la okuloj senrigardaj, ekkaptita de la doloroj de la akuŝo.

Tiam li restis staranta, pli pala kaj pli tremanta ol ŝi, balbutante:

– Jen mi, jen mi, la Martena.

Anhelante, ŝi respondis:

– Ho! ne forlasu min, ne forlasu min, Benedikto.

Li rigardis al ŝi, sciante plu nenion diri, kion fari. Ŝi denove ekkriis:

– Ho! Ho! Tio korpoŝiras min! Ho! Benedikto!

Kaj ŝi malbelege tordiĝis.

Abrupte, furioza bezono invadis Benedikton, helpi al ŝi, kvietigi ŝin, forigi ŝian doloron. Li kliniĝis, ekprenis ŝin, levis ŝin, kunportis ŝin sur ŝian liton; kaj, dum ĉiam ŝi ĝemis, li malvestis ŝin, demetante ŝian bluzon, ŝian robon, ŝian jupon. Ŝi mordis al si la pugnojn por ne krii. Tiam li faris, kiel li kutime faris kun la bestoj, la bovinoj, la ŝafinoj, la ĉevalinoj: li helpis al ŝi, kaj li ricevis en siajn manojn dikan infanon, kiu plorblekis.

Li viŝis ĝin, envolvis ĝin per viŝtuko, kiu sekiĝis antaŭ la kameno, kaj metis ĝin sur amaso de gladotaj tolaĵoj restitaj sur la tablo; post li revenis al la patrino.

Li denove metis ŝin surplanken, ŝanĝis la littukojn, resternis la liton, kaj reenteliligis ŝin. Ŝi balbutis: "Dankon, Benedikto, vi estas brava koro." Kaj ŝi imete ploris, kiel se bedaŭro invadis ŝin.

Nun, li ne plu amis ŝin, tute ne. Tio estis finiginta. Kial? Kiel? Tion li se scius diri. Tio, kio ĵus okazis, pli bone resanigis lin ol dek jaroj de foresto.

Ŝi demandis, senfortiĝinta kaj emociiga:

– Kio estas?

Li kvietvoĉe respondis:

– Estas knabino, kaj ŝi estas ja plaĉaspekta.

Denove ili silentis. Post momenteto, la patrino, per malforta voĉo, prononcis:

– Vidigu ŝin al mi, Benedikto.

Li iris serĉi la knabineton, kaj prezentis ŝin al la patrino, kiel se li estus elmontranta la sankpanon, kiam la pordo malfermiĝis, kaj Izidoro Valeno aperis.

Unue li tute ne komprenis; poste, subite, li divenis.

Benedikto, konsternata, balbutis:

– Mi pasis, mi pasis tiele, kiam mi aŭdis, ke ŝi kriis, kaj mi venis... jen via infano, Valeno!

Tiam la edzo, kun larmoj en la okuloj, antaŭeniris je unu paŝo, ekprenis la fragilaspektan knabineton, kiun prezentis al li Benedikto, restis dum momenteto sufokata, remetis la bebon sur la liton, kaj aletendante siajn du manojn al Benedikto deklaris:

– Konsentite! Konsentite! Benedikto, nun inter ni, vi vidas, la tuto estas dirita. Se vi volas, ni estos paro de amikoj, sed vere… vera paro de amikoj!...

Kaj Benedikto respondis:

– Mi volonte konsentas, certe, mi volontas.

*La 11an de septembro 1883*

*elfancigis*

**Noel Lecomte (Francujo)**

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, Wujiang St., Jiangbei Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Retadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ
http://gazetejo.org/eo/penseo

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊